# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo).** — **Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabonoj por ka endara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur).** — **Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4,50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnements für ein Kalenderquartal 0,50 M. (0,60 M.) für jede Ausgabe.

**Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo. — **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo

9a Jaro No. 5 A || Redakcio kaj Eldonejo: Berlin SW. 68, Lindenstr. 18/19 || Majo 1912

**Enhavo:** 

## Noto.

Pro manko de sufiĉa loko en tiu ĉi numero, kaj precipe pro kelkaj okazintaĵoj de la lasta tempo, kiuj instigis min ŝanĝi mian artikolon pri „La demando pri internacia organizo“, mi publikigos la finon de la artikolo nur en la proksima numero. *F. Ellersiek.*

## Esperanto kaj la internaciaj servoj de poŝto kaj telegrafo.

Dank' al la klopodoj de S-roj G. Chavet-Paris kaj Balandier-Dijon, la *Esperantista Asocio de la oficistaro de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono de Francujo kaj kolonioj (A. E.)* fondiĝis la 27an de Februaro. La nova asocio aniĝis sin al la *Internacia Ligo de esperantistaj poŝtoficistoj* — Ildepo — kiel sekcio. Ĝoje kaj kun granda kontentiĝo oni devas saluti la kreskantan esperantistaron inter la gepoŝtistaro tutmonda. Kiel grava la demando pri lingvo estas por la internaciaj poŝtaj, telegrafaj kaj telefonaj rilatoj, klare kaj konvinke pruvas S-ro Chavet en artikolo, aperinta en *La Revuo* (Januaro 1912). Ni ĉerpas el ĝi jenon:

„Ni montros, ke ankaŭ en la funkciado de la diversaj internaciaj servoj de poŝto kaj telegrafo la uzo de Esperanto alportas multajn profitojn, sed kompreneble, ni supozas, kiel unuan kondiĉon, ke nia lingvo estus studata de ĉiuj poŝtoficistoj.

Por la poŝtmarkoj plej uzataj en la internacia servado, oni jam alprenis internacian lingvon, la lingvon de la koloroj. Oni scias, ke la verda, ruĝa kaj blua koloroj respektive signifas, ke la poŝtmarkoj, kiuj ilin montras, havas la valoron de 5, 10 kaj 25 centimoj.

Por la ordinara poŝtkarto, kaj por la karto kun pagita respondo, la lingva demando estas malmulte grava. Hodiaŭ permesite estas presi la vortojn „Poŝta Karto“ en ĉiuj lingvoj, kaj tiuj vortoj ne estas devigaj sur la kartoj, kiuj venas de la privata industrio. Sur la poŝtkartoj kun pagita respondo, uzataj preskaŭ ekskluzive por la internaciaj rilatoj, la presita teksto povus esti redaktita en Esperanto.

Multe da formularoj, uzataj en la internacia servado, estas dulingvaj, t. e. redaktitaj en la lingvo de la origina lando kaj en franca lingvo. Tiu regulo estas aplikita ekzemple sur la formularoj de internaciaj poŝtmandatoj, ricevavizoj, de enregistritaj sendaĵoj, plendoj pri perditaj objektoj, paperetoj gluotaj sur la korespondoj resendotaj al la sendinto, kun la vortoj „Nekonata, foririnta, mortinta“. Principe, tiuj estas do nekompreneblaj de la personoj, kiuj konas nek la francan lingvon, nek la lingvon de la origina lando. Pri la resenditaj leteroj, la leterportistoj ordinare skribas dorsaflanke, kelkfoje kun multaj detaloj, la motivojn, pro kiuj la koncernata sendaĵo ne povis esti transdonata al la difinita persono. Tiuj manskribitaj notoj tre utile kompletigas la iom ne sufiĉajn vortojn „Nekonata, foririnta, k. t. p.“, sed ili estas tute ne legeblaj, se la sendinto, al kiu oni resendas la objekton, ne konas la gepatran lingvon de la komplezema leterportisto. Tio pli malofte okazus, se tiu lasta povus redakti siajn notojn en Esperanto.

Pluajn rimarkojn oni povas fari speciale pri la internaciaj poŝtmandatoj. Oni scias, ke la granda plimulto el la regnoj akceptis, por la internaciaj rilatoj, specialan unuforman formularon de poŝtmandato, pagota ĉe la loĝejo mem de la ricevonto. Tiuj mandatoj portas la sumon senditan, skribitan per arabaj ciferoj kaj per literoj. Kaj la mandatoj estas regulaj kaj pageblaj nur kondiĉe, ke la sumo skribita per literoj estu la sama, kiel la sumo skribita per ciferoj. Sed tiu kontrolo, farebla en la origina lando, fariĝas neebla en la lando de la ricevonto, ĉar la sumo estas skribita per literoj en la lingvo de la origina lando, lingvo plej ofte nekomprenebla de la oficistoj de la alia lando. Praktike, eraroj estas maloftaj; efektive, tiuj mandatoj estas kontrolataj ĉe la foriro, kaj plie ili

restas ĉiam en la manoj de oficistoj kaj la okazoj de falsigo estas ne grandaj. Tamen eraroj estas ĉiam eblaj, kaj pri tio konsentas la jena regulo, kiun ni trovas en la speciala regularo pri la servado de internaciaj poŝtmandatoj:

— „La Administracioj devas komuniki unu al la aliaj, per la pero de la Internacia Oficejo, la ortografion de la nomoj de nombroj, de 1 ĝis 1000, kiuj povas esti skribitaj per literoj, en iliaj respektivaj lingvoj, sur la mandatoj, kiujn ili liveras."

Kia komplikaĵo! Kaj kiom pli simple estus decidi, ke la sumo estu skribita en Esperanto, lingvo, en kiu la skribado de la nombronomoj estas speciale simplega kaj mirige logika!

Ne ĉiuj regnoj, aliĝintaj al la poŝta Unio, subskribis la specialan interkonsenton pri la kartmandatoj. Ekzemple Britujo ne subskribis ĝin. Sekve, la mandatoj, kiuj venas el Britujo por Francujo, estas redaktitaj sur formularoj preskaŭ ekskluzive redaktitaj en angla lingvo, kaj ofte ni vidis poŝtoficistojn provi, sed vane, la legadon kaj komprenon de tiuj formularoj.

Alia malfacilaĵo ekzistas por la mandatoj, kiuj venas el Rusujo, kies lingvo ne uzas la latinajn literojn. La mandatoj, kiuj venas el Rusujo por Francujo, estas entute reskribataj, de la franca Administracio, sur ordinaraj formularoj de internaciaj poŝtmandatoj. Tiu transskribo prokrastas la pagon de la mandato, dum almenaŭ du tagoj, ĝi malebligas la samtempan sendadon de kupono rezervita por la privata korespondo, kaj, fine, pligrandigas la kaŭzojn de eraroj. Rezultas, ke, ofte, malfacile estas legi la nomojn de la sendinto kaj lian adreson sur tiuj novaj formularoj. La simpla uzo de Esperanto multe simpligus tiun funkciadon, ebligante, ke la rusaj mandatoj trairadu en la francan administracion.

Ĉiuj Esperantistoj konas kaj uzas la respondkuponojn, kiuj konsolus nin iom pri la nealpreno de internaciaj universalaj poŝtmarkoj, se oni ne devus pagi ilin unu kvinonon pli kare, ol estas ilia vera valoro. Sed tiu plua kvinono estis postulata por eviti la diversajn spekulaciojn, kiuj rezultas el la variebleco de la monaj ŝanĝtarifoj. Tiuj respondkuponoj portas noteton redaktitan en kvin lingvoj. Se oni uzus nur Esperanton, oni povus presi sesfoje pli longan noton kaj tiu noto povus do esti pli detala kaj pli klara.

Saman rimarkon mi faros pri la „libretoj por identigo". Dank' al tiuj libretoj, vi povas konstatigi vian identecon en ĉiuj landoj aliĝintaj al la speciala interkonsento pri tiu poŝta servo; nun ili estas dekunu; la libretoj portas noteton redaktitan en dek unu lingvoj! Sur tiuj libretoj, la konstato de identeco okazas trimaniere: per la subskribo, per la fotografaĵo, kaj per la priskribo de la vizaĝo de la posedanto de la libro. Sed oni tuj rimarkos ke tiu lasta procedo estas tute senutila, ĉar tiu priskribo farita en la origina lingvo, ne estas ĉie legebla.

Por ne trograndigi tiun artikolon, mi ne citos ĉiujn ekzemplojn; mi ne parolos, inter aliaj, pri la poŝtaj pakaĵoj, multe uzataj en la internaciaj rilatoj, sed mi diros kelkajn vortojn pri servo, kiu havas specialan intereson por la Esperantistoj, la servo de poŝtaj ĉekoj kaj transpagoj.

Tiu servo funkcias en Aŭstrujo de 1883, en Hungarujo de 1889, en Svisujo de 1906, en Germanujo de 1909, kaj oni projektas ĝian funkciigon en Belgujo, Nederlando kaj Francujo. Oni konsideras la Poŝtan Administracion, ĉu kiel centran bankon unikan (Aŭstrujo, Hungarujo) ĉu kiel sidejon de certa nombro de centraj regionaj bankoj (Svisujo). Ĉiu persono povas malfermigi por si konton ĉe la Poŝto, kaj la monsendoj estas anstataŭataj de la jenaj operacioj:

Se A., kiu ne havas konton ĉe la poŝto, volas sendi monsumon al B., kiu havas konton, A. donas la monon al la poŝto, kiu enskribas la sumon en la krediton de B.

Se B., kiu havas konton, volas sendi monon al A., kiu ne havas konton, B. sendas al A. ĉekon pagotan ĉe la poŝto.

Se B., kiu havas konton, volas sendi monon al C., kiu havas ankaŭ konton, li simple donas al la poŝto ordonon pri transpago, kaj la sumo estos enskribata en la debiton de B. kaj en la krediton de C.

Sed tuj oni rimarkas, ke tio estas la sistemo de nia Ĉekbanko Esperantista, kaj ke la Esperantistoj jam realigis por si, dank' al la transpagiloj de Ĉefeĉ, la tutan internaciigon de la afero.

Tiun internaciigon kelkaj poŝtaj administracioj jam provis. Ekzemple Aŭstrujo organizis poŝtajn transpagojn, per la pero de bankoj, kun Germanujo, Italujo, Britujo, Svisujo; sed la Esperantistoj pruvas, laŭ nediskutebla maniero, kiom la uzo de Esperanto faciligas la internaciigon de tiu praktikega sistemo.

Se ni pritraktas nun la telegrafan servadon, ni tie vidas tre gravan lingvan demandon. Nun, pli ol kvardek lingvoj estas akceptataj por la redaktado de telegramoj. Ni opinias, ke oni povos, facile, akceptigi Esperanton inter tiuj kvardek lingvoj. Efektive, inter la akceptitaj lingvoj troviĝas la latina, enskribita, laŭ propono de francaj delegitoj, ĉar oni supozis eble, ke tiu lingvo estas uzata, kiel internacia lingvo, de kelkaj scienculoj aŭ eklezіuloj. Sed ni facile povas pruvi, ke Esperanto estas multe pli uzata, ol la latina lingvo en la internaciaj rilatoj.

Neeble estas peti de la telegrafaj oficistoj, ke ili ĉiam distingu inter tiuj kvardek lingvoj, kaj decidu, ĉu iu lingvo, iom stranga, estas inter la permesataj aŭ ne. Plie, la starigo de regularo por la taksado de la telegramoj estas tre malfacila pro la diversaj strukturoj de tiuj multaj lingvoj. Oni devis multe diskuti, ĉu oni kalkulos laŭ la vortoj, aŭ laŭ la signoj, kaj oni fine decidis, ke, en la internaciaj rilatoj, neniu vorto povas enhavi pli ol dek literojn. Fine, la fakto, transsendi telegrafe telegramojn en lingvo nekonata de la sendanta kaj ricevanta oficistoj, kaŭzas multajn erarojn, kaj, ofte, la ricevitaj telegramoj estas tute malsamaj al la senditaj.

Mi ne opinias, ke bone kaj eble estus, trudi Esperanton, kiel ekskluzivan lingvon por la telegrafaj internaciaj rilatoj. Oni devas konservi la eblecon, telegrafi en ĉiu ajn lingvo. Sed la uzo de Esperanto, almenaŭ rekomendita, favorigita, oftigita, multe simpligus la laboron pri taksado, transsendo kaj ricevado de la telegramoj. Se estus konstatite, ke la telegramoj en Esperanto estas transsenditaj pli facile kaj korekte ol la aliaj, se eĉ oni alprenus por tiuj telegramoj specialan favoran tarifon, la publiko volonte kutimiĝus telegrafi en nia lingvo ĉiufoje, kiam la uzo de alia lingvo ne estus absolute necesa.

Esperanto povos, fine, esti tre utile uzata en la telefona servado. En la unua Konferenco de la Internacia Federacio de Poŝtoj, Telegrafoj kaj Telefonoj (Paris

1911) la holanda delegitino proponis interŝanĝon de telefonistoj inter la diversaj nacioj: la servado, ekzemple, de la telefona linio Paris—Amsterdam estus plenumata, alterne, de du francaj kaj de du holandaj oficistoj tiamaniere, ke ĉiam la du personoj, kiuj estas je la ekstremaĵoj de la linio, parolus la saman lingvon. Mi ne scias, ĉu tiu propono estas praktika, sed kiom pli simple estus proponi, ke la telefonistoj uzu Esperanton!"

Certe S-ro Chavet ĉiel pravas. Liaj tre pripensindaj vortoj gajnas pli grandan gravecon, kiam oni konsideras, ke franco tiel skribas, kies gepatra lingvo estas la oficiala lingvo de la Universala Poŝt-Unio kaj de la Unio de telegrafaj Administracioj. Mondonregantan rolon ne plu povas ludi iu nacia lingvo: ĝustatempe prezentiĝas Esperanto, la jam ĉiulande konata internacia helplingvo!

La adreso de la franca Asocio estas: Paris, 51, rue de Clichy; la adreso de la Internacia Ligo estas: Breslau (Germanujo), Maxstrasse 22. La Internacia Ligo (Ildepo) ja kreskas kaj trovis anojn ankaŭ en Germanujo (korporativa membro: Germana Esperanto-Unuiĝo de poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj), Aŭstrio kaj Hungarujo; izolitaj esperantistaj poŝtistoj troviĝas en Svisujo, Holando, Finnlando, Svedujo, Anglujo, Ameriko, Aŭstralio, — laŭ tio, kion oni povis konstati ĝis nun. Sed konsiderante la gravecon de la pritraktata demando oni devas konfesi, ke la anaro de Ildepo ankoraŭ estas malgranda. Do, samideanoj, bonvolu helpi; aniĝu, se vi estas poŝtoficistoj; (jara kotizo: 1 Sm.) komuniku al la subskribinto adresojn de poŝtistoj esperantistaj aŭ interesataj pri Esperanto, por ke oni konu kaj kolektu la fortojn!

Breslau 16, Maxstrasse 22.

*Arnold Behrendt,*
Supera Poŝtpraktikanto.

---

# 8. Universala Kongreso Esperantista Krakovo 11—18 Aŭgusto 1912.

La teĥnika organizo de la antaŭkongresaj laboroj ludas certe gravan rolon, ĉar ju pli bonaj kaj celkonformaj estas la teĥnikaj aranĝoj, des pli granda ordo regas dum la Kongreso mem. La plej ĝusta metodo en ĉiu organiza laboro estas zorge atenti detalojn, kiuj unuavide povas ŝajni eĉ tute malgravaj, sed oni ne forgesu, ke grandaj verkoj konsistas ja el detaloj.

Tion mi tuj povas pruvi, donante la priskribon de l' sistemo, kiun la Organiza Komitato akceptis por ordigado de la kongresaj aliĝoj. Nome oni uzas la sistemon de „kartotekoj", kiuj aspektas jene: La nomoj de la kongresanoj kaj ĝenerale ĉiuj aliaj informoj, rilatantaj la personon de l' kongresano, estas enskribataj sur apartaj folioj, kiuj dividiĝas en kvar specojn. Unu kartoteko enhavas foliojn, ordigitajn laŭ la numeroj de aliĝoj, la dua foliojn laŭ nomoj de la kongresanoj, la tria laŭ la landoj kaj la lasta laŭ la profesioj. La utilo de tiu sistemo estas evidenta: Se ekz. dum la Kongreso iu volas kunvoki siajn samlandanojn, li venos en la sekretariejon, kie li tuj povas ricevi la nomojn kaj adresojn de siaj samlandaj gesamideanoj. La samo koncernas ankaŭ la fakajn kunsidojn, ĉar en la sekretariejo oni ĉiumomente povos sciiĝi pri adresoj de samprofesianoj.

Sed tiu aranĝo ne solvas ankoraŭ la tutan problemon de la interkomunikiĝo de l' kongresanoj, ĉar ne sufiĉas sciiĝi pri ilia adreso; oni devas atingi la serĉatan personon. Por kontentigi tiun postulon, estos starigita dum la Kongreso t. n. „privata poŝto", kies funkciado estos jena: En la Akceptejo estos speciala skribo-ĉambro por la kongresanoj, en kiu troviĝos ĉiam provizo da leterpapero por senpaga dispono de la kongresanaro. Se iu deziros renkontiĝi kun sia konatulo, li skribos al li leteron (kompreneble neafrankitan) kaj ĵetos ĝin en specialan leterkeston. Pri tiu „privata poŝto" zorgos unu el la komitatanoj, kiu ĉiuhore prenos la leterojn el la kesto kaj portos ilin en la sekretariejon, kie li havos specialan lokon por sia oficado. La sola kondiĉo estas, ke la kongresanoj kiel eble plej ofte venadu al li kaj demandu pri korespondaĵoj.

Kompreneble estas, ke krom tiu „privata poŝto" funkciados ankaŭ „oficiala poŝto". En la Akceptejo estos aranĝita kongresa poŝtoficejo, kiu estos malfermita seninterrompe la tutan tagon t. e. de la 8 h. matene ĝis la 7 h. vespere. La servon faros poŝtoficistoj, parolantaj Esperanton, ĉar en Krakovo tre multaj poŝtistoj konas nian lingvon.

Oni ne forgesu tamen, ke la Kongresa Oficejo ne povos en ĉiu rilato anstataŭi la ĉefpoŝtejon, ĉar tio estas simple neebla. Sekve povos okazi, ke kelkajn aferojn la kongresanoj devos prizorgi jam en la ĉefpoŝtejo. Pro tio la Komitato faris ĉe la poŝta Administracio konvenajn klopodojn kaj ricevis de ĝi firman promeson, ke dum la kongresa semajno la oficado en la ĉefpoŝtejo estos konfidita nur al tiuj geoficistoj, kiuj konas Esperanton. Certe, tio estas, flanke de la Krakovo poŝtestraro, laŭdinda pruvo de granda favoro al la Oka Kongreso.

La adreso por la poŝto de la kongresanoj estas tute simpla. Oni adresu: Kongreso Esperantista, por Sro X. Y. el . . . (ekz. Berlin), Krakovo, Aŭstrio-Galicio.

Unu el la plej malfacilaj taskoj de la porkongresaj laboroj estas ĉiam la enloĝigado de la gastoj. Feliĉa kuntrafo de la cirkonstancoj plifaciligis al la Organiza Komitato la tiurilatan laboron, ĉar en monato Aprilo de la kuranta jaro estis malfermitaj en nia urbo tri novaj hoteloj kaj du pensionoj, tre elegante kaj komforte aranĝitaj.

Tamen gravan rolon ludas ne nur la loĝejoj mem, sed ankaŭ la sistemo de enloĝigado. En tiu rilato la Organiza Komitato enkondukas novaĵon, kiu certe trovos aprobon de la kongresanoj. Nome en la stacidomo estos starigita filia sekretariejo, kiu dum la unuaj tagoj de la Kongreso laboros seninterrompe tage kaj nokte tiel, ke ĉiu alveninto tuj post eliro el la vagono ricevos necesajn informojn kaj adreson de sia loĝejo, por ke li povu tuj iri aŭ veturi al sia loĝejo. Ripozinte iom en la loĝejo, la kongresano venos en la Akceptejon, kie li ricevos ĉiujn dokumentojn.

La utilo kaj preferindeco de tiu aranĝo estas tie evidenta, ke ne ŝajnas al mi necese, ĝin komentarii.

Multaj kongresanoj volas jam longe antaŭ la Kongreso scii la nomojn de la partoprenontoj. Por kontentigi tiun postulon, la Komitato publikigos regule ĉiumonate la liston de la aliĝintoj. La unua listo aperos en la maja numero de *Pola Esperantisto.*

La oficialaj eldonaĵoj (du glumarkoj kaj poŝtkarto) de la Organiza Komitato estas tre atentindaj kaj rekomendindaj, ĉar ili estas faritaj laŭ projektoj de eminentaj pentristoj, S-roj Dro St. Eliasz Radzikowski, E. Kazimirski kaj H. Uziemblo. La poŝtkarto prezentas la dion de suno kun grupo de ĉevaloj (laŭ fragmento, trovita de H. Schliemann en Iliono) kaj la tuto estas tre lerte alfarita al la ideo de Esperantismo.

La prezoj de la cititaj eldonaĵoj estas troveblaj en aliĝilo, aldonita al tiu ĉi numero.

Espereble nun, kiam la definitivaj aliĝiloj kun ĉiuj necesaj informoj jam estas eldonitaj, la esperantistaro kaj precipe la germanaj samideanoj ne plu prokrastados sian aliĝon. Ili venu grandare al la Oka, kiu devas esti jubilea festo de Esperanto kaj de ĝia aŭtoro.

*Napoleono.*

# Germana Kroniko

*Ĉiuj grupoj kaj izolitaj samideanoj estas petataj, sendi al ni kiel eble plej akurate mallongajn raportojn pri sia agado kaj pri la progresoj de Esperanto en sia urbo aŭ regiono. La raportoj devas alveni ne pli malfrue ol la 25an de ĉiu monato.*

**Bavara Ligo.** La 16an kaj 17an de Marto la bavaraj esperantistoj kolektiĝis en Nürnberg ĉe komuna kunveno. La 16an vespere la kongreso estis malfermata per propaganda kunveno. La prezidanto, S-ro Dro Orthal, povis saluti grandan anaron de aŭskultantoj. La oratoro de la vespero, S-ro Görschen, certe gajnis multe da novaj amikoj por nia afero per siaj konvinkaj klarigoj. La 17a estis dediĉita al la konferencoj. Estis priparolataj la celoj de la ligo, la nuna stato de la movado en Bavarujo kaj la plej necesa kaj plej ŝancoriĉa agado por la proksima tempo. Delegitoj el ĉiuj partoj de la distrikto ĉeestis, kaj ĉiuj certe havis la impreson, ke la nova ligo kaj ankaŭ la tuta movado en Bavarujo nun staras sur firma fundamento. La venonta kunveno okazos dum la somero en München. Al la ligo apartenas la grupoj en Altusried, Ansbach, Aschaffenburg, Augsburg (Loka Grupo, Societo, Int. Kat. Unio), Bad Reichenhall, Bamberg, Donauwörth, Erlangen, Fürth (Loka Grupo, Verda Rondo), Hof, St. Ingbert, Kaiserslautern, Kempten, Landau (Pfalz), Ludwigshafen, Memmingen, München (Esperanto-Grupo, Esperanto-Abt. der freien Studentenschaft, Esperanto-Klubo, Societo, Laborista Grupo, Societo II), Nürnberg (Loka Grupo, Laborista Grupo), Oberstdorf, Regensburg, Schwabach, Schweinfurt, Straubing, Vilshofen kaj Würzburg.

**Nordalbinga Ligo.** La jara ĉefkunveno de la ligo okazos la 16an de Majo (Ĉieliro) en Oldesloe. — La nova grupo en Flensburg aliĝis al la ligo.

**Saksa Ligo.** La estraro de la ligo nun konsistas el S-roj Dro jur. H. Arnhold-Dresden (prez.), Dro Linse-Reichenbach i. V. (vicprez.), Dipl.-Ing. von Frenckell-Dresden (sekr.), Friedr. Ader-Dresden (kas.). Komitatanoj estas S-roj Hahn-Chemnitz-Schönau, May-Frankenberg i. Sa., Otto-Plauen i. V., A. Petzold-Leipzig, Semich-Zittau, Dro Wicke-Chemnitz, direktoro Wiener-Dresden, Hugo Gerisch-Auerbach i. V., anstataŭantoj: S-roj Kraus-Kunnersdorf, Neubarth-Plauen, advokato Dro Schönwald-Leipzig, Nauck-Rodewisch. — „Esperanto-anguloj" nun aperas en multaj saksaj gazetoj: en *Reichenbacher Nachrichten kaj Tageblatt, Oelsnitzer Tageblatt, Treuener Tageblatt, Auerbacher Zeitung* kaj *Werdauer Tageblatt.* En la loka gazeto de Weinböhla la grupo aperigis adresliston de 30 eksterlandaj esperantistoj, kun kiuj la grupanoj korespondas.

*

**Berlin.** Mardon, la 2an de Aprilo okazis en „Industrie-Festsäle" la komuna monatkunveno de la *Esperanto-Gruparo.* Post raporto de S-ro patentadvokato Schiff pri la plej gravaj okazintaĵoj en Esperantujo dum la lasta tempo, S-ro pastro Franke parolis pri „Prophetenspruch und Zungenrede". La aŭskultantaro kun intereso sekvis la paroladon, en kiu la oratoro citis kaj klarigis diversajn paragrafojn el la Biblio, kiuj rilatas al komuna lingvo kaj al interkompreniĝo de la popoloj. Poste F-ino Pielke per kanto: *Ĉe l' puto antaŭ urbo* kaj S-ro Tarnow per rakonto de ŝerco ĝojigis la ĉeestantojn. La venonta komuna kunveno estos la 7an de Majo. — La 20an de Aprilo okazis la fondiĝfesto de la grupo *Verda Stelo.* — S-ro inĝeniero Erfurth, kursano de *Brechtsche Redner-Schule,* elektis por ekzerca parolado temon pri Esperanto. Ĉirkaŭ 40 sinjoroj aŭskultis la paroladon, kiun sekvis vigla diskuto. — *Societo „Merkur"* festis la 30an de Marto la unuan datrevenon de sia fondiĝo. Inter la pli ol 100 partoprenantoj estis anoj de ĉiuj aliaj Berlinaj grupoj kaj ankaŭ samideanoj el Potsdam, Charlottenburg kaj Neukölln. — La 10an de Aprilo S-ro William faris paroladon en *Vereinigung stenographierender Handlungsgehilfen,* la 20an en *Stenographische Vereinigung Stolze-Schrey.* La 22an de Aprilo okazis parolado de S-ro Denkewitz antaŭ Bontemplanoj, la 23an parolado de S-ro William antaŭ la gesinjoroj, kiuj estis interesitaj pri Esperanto per persona varbado de la Merkuranoj. Entute enskribis sin 58 gesinjoroj por lernado. La unua kurso komenciĝis la 29an de Aprilo. *Societo „Merkur"* ŝanĝis sian kunvenejon, do la 2 kursoj kaj la grupaj vesperoj nun okazas en *Kellers Neue Philharmonie,* Köpenickerstr. 96/97. — *Esperanto-Gruparo* intencas aranĝi la 2an de Junio, pro la 25a datreveno de la unua publikigo de nia lingvo, propagandan feston. La propaganda komitato jam vigle laboras.

**Berlin-Charlottenburg.** La estraro por 1912 estas: S-roj A Grohall (prez.), E. Schwarzschild (vicprez.), Carl Schulz (sekr.), E. v. Mégay vicsekr.), F-ino B. Maron (kas.), S-roj H. Münch (vickas.), H. de Luczenbacher (bibl.), Bocheneck, Krüger kaj F-ino Peters (konsilantoj). — La oficiala monatkunveno okazos de nun ĉiam la duan vendredon post la kunveno de la Esperanto-Gruparo Berlin.

**Berlin-Neukölln.** La *Perfektiga Lernejo por Virinoj* rekomendas en sia programo la lernadon de Esperanto. Tio estas sekvo de propaganda parolado de S-ro instruisto Ehrhardt. — La kurso, gvidata de S-ro Wittbrodt, estis fermata per amuza vespero. 30 personoj ĉeestis. Pro kelkaj ĉeestantaj neesperantistoj alternis germanaj kaj esperantaj prezentaĵoj. Per dancado finiĝis la sukcesa festo.

**Berlin-Wilmersdorf.** La 15an de Aprilo la grupo aranĝis propagandan vesperon, kiu estis bone vizitata. S-ro dentkuracisto Blum parolis pri la valoro de Esperanto, S-ro justeca konsilisto Krall pri la Majstro kaj lia verko. Vigla diskutado sekvis. La sukceso estas nova kurso, gvidata de F-ino Rabe. — La grupo ŝanĝis sian kunvenvesperon, kiu nun okazas ĉiulunde en „Restoracio Mehlitz", Berlinerstrasse angulo Mehlitzstrasse. Ĉiuj Berlinaj samideanoj estas invitataj viziti la grupon.

**Bremerhaven.** Jam de 1909 kelkaj pioniroj de nia afero penadas disvastigi Esperanton. Bedaŭrinde ĝis nun la sukceso ne estis granda. En Januaro S-ro Fricke el Bremen faris propagandan paroladon antaŭ ĉirkaŭ 60 personoj, el kiuj kelkaj partoprenas kurson.

**Bromberg.** S-ro Parrish faris la 18an de Aprilo paroladon, kiun ĉeestis 200 personoj. Inter ili troviĝis multaj anoj de la Komerca Ĉambro. Inter aliaj kantoj estis prezentata la ario el *Halka*, de kiu S-ro Grabowski-Varsovio afable dediĉis al la grupo du ekzemplerojn. — La 19an de Aprilo posttagmeze okazis parolado por gelernantoj. La gazetoj favore raportis.

**Chemnitz.** En *Königl. Gewerbe-Akademie* S-ro Dro Wicke ankaŭ dum la antaŭa jaro instruis Esperanton kiel laŭvolan fakon.

**Chemnitz-Schönau.** La 26an de Marto okazis kun plena sukceso la ekzameno de 35 lernejanoj, kiujn S-ro instruisto Hahn instruis pri Esperanto. Dum la tuta ekzameno instruisto kaj lernantoj parolis eĉ ne unu germanan vorton. Tio vekis la plej sinceran intereson ĉe la aŭskultantoj, inter kiuj troviĝis la eminentuloj de la lerneja kaj komunuma estraro. La infanoj estis ekzamenataj pri gramatiko, legado, konversacio kaj pri la historio de Esperanto. Prezentado de deklamoj kaj kantoj sekvis. La bona rezultato instigis la lernejan direkcion, rekomendi la daŭrigon de la ĝisnuna kaj la aranĝon de nova Esperanta klaso, por kiu sin jam anoncis 40 lernejanoj. Ĉiuj lokaj gazetoj favore raportis pri la ekzameno. — Mardon, la 16an de Aprilo S-ro Hahn propagande parolis en *Verein Technischer Beamter*. La sekvo estis, ke multaj sinjoroj anoncis sian partoprenon al la kursoj de la grupoj.

**Dresden.** Laŭ multoble esprimita deziro okazos en Dresden, antaŭ la Oka Kongreso, ekzameno por Esperanto-instruistoj. — La *Königlich Stenographische Landesamt* dissendis invitojn por partopreno en oficiala kurso pri Esperanto-stenografio, kiu okazos ĉiusabate en *Ständehaus*. La honorario estas 6,— Markoj. — Merkredon, la 10an de Aprilo, okazis tre bela festo. La junula grupo *En juneco nia espero* festis en „Hollacks Etablissement" la datrevenon de sia fondiĝo. La grupo konsistas el geknaboj, instruitaj pri Esperanto de S-ro Sykora, instruisto ĉe la 30a distrikta popollernejo. La 25an de Marto S-ro Sykora en publika ekzameno montris la progreson de sia Esperanta klaso. La infanoj, parte ankaŭ el la burĝa lernejo, tre bone legis, tradukis, kalkulis kaj deklamis. Ĉe la festo ili montris sian scipovon sur la scenejo, sub la gvidado de sia senlaca kaj sindona instruisto. La festĉambrego, bonguste ornamita de la lertaj manoj de l' infanoj per paperflagetoj, estis plenplena. La gepatroj kaj parencoj de la infanoj, krom tio multaj anoj de la diversaj Dresdenaj grupoj ĉeestis. La programo estis tre riĉenhava, la infanoj ludis pianon, deklamis kaj kantis. La knabinoj krom tio prezentis kanto-dancadon kaj la knaboj gimnastikon. Eĉ komedieton ili ludis: „Surprizita kaj konvinkita patro", germana-Esperanta unuakta komedio de M. Sykora. — Paskan festeton aranĝis la *Sinjorina Grupo* kaj la *Grupo de kantemuloj*. Multaj paroladoj kaj ĉarmaj surprizoj okazis, dank' al la lerta aranĝintino F-ino Lehner.

**Duisburg.** La laborista grupo komencis sian duan kurson sub la gvidado de S-ro J. Plos, Delegito de U. E. A. en Duisburg-Ruhrort; 15 partoprenantoj. — La estraro de la laborista grupo konsistas el S-roj Herm. Wurzler (prez.), J. Grund (vicprez.), Otto Meckelburg (sekr.), Ludw. Hettling (kas.). La kunvenoj okazas ĉiumarde en *Gambrinus*, Friedrich-Wilhelmplatz 12.

**Fischeln (Kreis Krefeld).** Kurso komenciĝis, gvidanto S-ro Sanders-Krefeld.

**Godesberg a. Rh.** *Godea* ofte aranĝas dum la bela sezono ekskursojn, per kiuj ĝi celas unue la propagandon de la lingvo, due pli bonan interkonatiĝon inter la membroj kaj trie perfektiĝon en la konversacio. La unua ekskurso okazis la 31an de Marto, la dua la 21an de Aprilo, ambaŭ al la reĝa arbaro *Kottenforst;* la tria okazos la 5an de Majo al la fama monaĥejo *Maria Laach*.

**Greifswald.** S-ro poŝtinspektoro O. Ricke gvidas kurson kun 20 gepoŝtistoj.

**Hamburg-Altona.** En la lasta kunveno de la delegitoj de la loka ligo S-ino Jenckel raportis pri la kursoj komencitaj en Februaro. Preskaŭ ĉiuj kursanoj ankoraŭ nun fidele vizitas la lecionojn. — Dum la lasta diskutvespero S-ro Curdt de la grupo *Progreso* faris paroladon pri „La danĝeroj de la vivo", en kiu li, parte humore, pritraktis la diversajn danĝerojn, kiuj minacas mortemulon. — En la sekcio Sommerhude de *Abstinenta Grupo* S-ro Ehlers interese parolis pri *la delikateco de la esprimmaniero en Esperanto.* — La estraro de la *Unua Grupo* estis invitita la 27an de Aprilo al Edmundstal, sanigejo por pulmomalsanuloj. La direkcio tre afable akceptis kaj gastigis la vizitantojn. La parolado de S-ro Cohen estis tre atente kaj danke aŭskultata de la 200 resaniĝuloj, de la kuracistoj kaj geflegantoj. Je la fino, naŭjara blinda knabino, kiu vivas en Edmundstal kaj estas instruata de blinda sinjorino, mirigis la aŭskultantaron per senerara recito de „La Feino" de Zamenhof. — Jen imitinda ekzemplo por aliaj grupoj. — *Laborista Grupo* okazigis la 27an kaj 29an de Februaro du bone vizitatajn propagandajn paroladojn. Oratoro estis S-ro Schneider de la grupo *Verda Stelo*. Sukceso: du kursoj kun 27 lernantoj. — La literaturaj kunvenoj de la nove fondita *Poŝt-Esperantista Unuiĝo* estas tre kontentigaj; ĉiuj ĉeestantoj diligente ekzercadas paroli Esperanton.

**Kiel.** La 26an de Februaro S-ro Wichert el Charlottenburg faris paroladon kun lumbildoj pri la kongresurboj Danzig kaj Krakovo. — La 28an de Februaro okazis la jara ĉefkunveno de la grupo. Dum la pasinta jaro la grupo aranĝis 6 propagandajn paroladojn, ĉiuj faritaj de S-ro Clementsen. La grupo nun havas 22 membrojn. S-ro ferdekoficiro L. Poock, membro de la grupo, baptis sian jaĥton „*Esperanto*".

**Krefeld.** *Societo Esperanto* aranĝis la 23an de Marto sian 3an fondiĝfeston en la belege ornamitaj per esperantaĵoj salonegoj de „Hotel Bellevue". La gajigaj kantoj de la koncertkantistino F-ino Clever el Düsseldorf, la komunaj kantoj, alternintaj kun deklamoj kaj humoraĵoj de la grupanoj, amuzis la ĉeestantojn. „La rabistoj" de Schiller estis prezentataj en mallongigita formo. Dancado kunigis la partoprenantojn ĝis mateno. — Nova kurso estas en preparo.

**Köln-Kalk.** El la anoj de kurso, aranĝita de *Societo Köln*, formiĝis memstara grupo *Kalka Esperanto-Rondo*.

**Lauenburg a. E.** Laŭ invito de *Lehrer- und Beamtenverein* S-ro Dro Möbusz faris tie paroladon pri Esperanto.

**Lübeck.** Bonan sukceson atingis *Societo Esperanto:* la estraro de la Komerca Perfektiga Lernejo decidis, de post Pasko enkonduki la laŭvolan instruon de Esperanto, se sufiĉe multaj partoprenontoj sin anoncas. — La kurso por fervojistoj, gvidata de S-ro Holdorf, finiĝis. — En la monata kunveno de la 18a de Marto S-ro Dro Möbusz parolis pri „premiosistemo de G. E. A." kaj S-ro Böbs pri „Internaciaj Respondkuponoj" kaj „Esperantista Ĉekbanko". — *Seminaria Grupo* aranĝis konkurson, kiun partoprenis 8 membroj, el kiuj gajnis libropremion S-roj W. Busch, H. Dillner kaj A. Ballhorn.

**Memmingen.** La 20an de Marto S-ro Dippner parolis en la komerca unuiĝo *Merkur* pri la temo „La signifo de la Esperanta lingvo por la komercistaro". En la tiea kinematografa teatro *National* oni prezentis dum unu semajno filmon pri la *Sepa.*

**Münster i. Westf.** La grupo decidis, ke ĉiu el la anoj faru esperantan paroladon pri iu temo, por perfektiĝi en la lingvo. S-ro Kracht malfermis la ciklon, parolante la 2an kaj 16an de Aprilo pri „Migradoj tra la Eifel-Montaro". Laŭ fotografaĵoj li rakontis pri multaj belaj lokoj, interalie pri Schleiden, Gmünd, kaj pri la pentrinda Urft-valbarilo. La 23an de Aprilo parolis S-ro Blasing pri la VIa Germana Kongreso kaj pri la vidindaĵoj de la antikva kongresurbo Lübeck.

**Nürnberg.** Komenciĝis laborista kurso kun 15 partoprenantoj.

**Reichenau i. Sa.** La 12an de Aprilo la grupo fermis sian 3an kurson por komencantoj. 8 gesinjoroj nun aliĝis al la grupo, kiu per tio atingis la nombron de 30 membroj. Nova kurso por komencantoj nur estos malfermata en Septembro, sed la perfektiga kurso daŭros dum la somero. La ekzercvesperoj okazas la unuan vendredon de ĉiu monato, vespere je la 8 1/2 en „Hotel Phönix". Krom tio la kursanoj liveras ĉiumonate hejmlaboron. Kelkaj ĉefoj el Reichenau kaj Markersdorf aliĝis al la grupo kiel subtenantaj membroj. *Reichenauer Nachrichten* favore raportis pri la diversaj okazintaĵoj en la grupo.

**Rostock.** La 25an de Februaro S-ro Bock, kasisto de la grupo, parolis laŭ peto de la laborista grupo en la unuiĝo *Freie Jugend* pri Esperanto. 40 personoj anoncis sian partoprenon en kurso.

**Strassburg i. Els.** La 19an de Marto okazis en *Schöpflinschule* publika provleciono, antaŭe anoncita en la ĵurnaloj kaj sur afiŝkolonoj. S-ro Edm. Müller lerte klarigis la simplecon de la gramatiko de Esperanto laŭ ekzemploj. Statistika kaj geografia kartoj kaj granda nombro de esperante presitaj katalogoj montris la disvastiĝon da Esperanto. Ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj, el kiuj sin 9 enskribis por komencota kurso, kiun gvidos S-ro Edm. Müller.

**Striegau i. Schles.** Post finiĝo de kurso por komencantoj, kiun gvidis S-ro Edm. Schulz el Schweidnitz, fondiĝis grupo. Prezidanto kaj oficejo: S-ro Oswald Pohl, Kohlenstr. 16. La grupo aliĝis al G. E. A.

**Tarnowitz (O.-Schl.).** La unua Esperanta kurso, kiun gvidis F-ino Chotzen, nun estas finita. La partoprenintoj fondis grupon, kies prezidanto fariĝis S-ro Fritz Krüger. Sekretario estas S-ro F. Büchner, Ring 1. La 30an de Aprilo komenciĝis nova kurso sub la gvidado de F-ino Chotzen.

**Warnemünde.** La kurson komencitan sekve de la propaganda vespero je la 16a de Marto, partoprenas 35 personoj.

**Zittau i. Sa.** La du kursojn, pri kiuj estis raportate en la antaŭa numero, komencis *Societo Esperanto.* Partoprenas 20 personoj.

**Zoppot.** *Esperanto-Societo*, sub la prezido de S-ro Dro med. Hausburg, vigle laboras por prepari la venontan kongreson. Ĉiusemajne okazas kunvenoj. — La triakta dramo de S-ro Prof. Dro Schultz: *Eberhard Ferber* (urbestro de Danzig je 1516) pro manko de konvena loko en Danzig, estos ludata (germanlingve) la 31an de Julio sur la scenejo de „Kurhaus" en Zoppot. La dramo pritraktas la malnovan malamikecon inter la grafo de Krokow kaj Eberhard Ferber. *A. H.*

## Gazetaro

Multaj personoj nomas sin amikoj de ĝenerala lingvo internacia, kies enkondukon ili konsideras nepre necesa. Sed ekzistas granda diferenco en la maniero, per kiu ili montras sian intereson pri la mondlingva afero. Unuj, konvinkitaj pri la taŭgeco de nia jam ekzistanta lingvo internacia Esperanto, praktike uzas ĝin kun bona sukceso por diversaj celoj, dum aliaj konstante serĉas kaj cerbumas por trovi, laŭdire, ankoraŭ pli bonan solvon de la mondlingva demando. En tiuj ĉi klopodoj ili ofte venas al la plej strangaj ideoj, kiel ekz. S-ro J. Thöne el Wipperfürth, kiu en „*Westfälischer Merkur*", Münster i. W. (10. III.) aperigis artikolon, titolitan „La mondlingvo". La verkinto estas konvinkita pri la neceseco de komuna lingvo universala, sed li ne rigardas Esperanton kiel la solvon de la demando. Li ankaŭ ne volas reformi aŭ plibonigi nian lingvon, sed li faras alian proponon, kiun li opinias la plej bona solvo de la demando pri universala lingvo. — Kiel kutime, se iu kritikas nian lingvon, ankaŭ S-ro Thöne ne estas sufiĉe informita pri la nuna stato de nia afero kaj pri la lingvo mem. Li eĉ konsideras Volapük'on kiel ankoraŭ vivantan lingvon, se ankaŭ iom post iom malaperantan. Tute malĝusta estas la jena opinio de la verkinto: „La nomo Esperanto signifas ‚la espero'.

Verŝajne estas trompiga espero, ke iam venos la tempo, kiam la tuta unu kaj duon-miliardo da terloĝantoj parolos Esperanton. Tian sencon la vorto mondlingvo ne povas havi." Kiu tion asertas? Kompreneble estas dezirinde, ke kiel eble plej multaj homoj scipovu universalan lingvon, sed ni bone scias, ke antaŭvideble ne estos eble kaj ankaŭ ne necese, ke la tuta homaro esperantistiĝu. Ĉiam estas, kiel ankaŭ S-ro Thöne prave opinias, certaj grupoj da interesuloj, kiuj bezonas universalan lingvon kaj havas profiton el ĝia uzado. La verkinto laŭŝajne ne komprenas, ke Esperanto ne volas esti mondlingvo en la reala senco de la vorto, sed nur helplingvo. Tio estas la esenca punkto, kiun la kritikantoj ne ĉiam konsideras. — Ni ne volas detale priparoli la proponojn de S-ro Thöne, ĉar tio nur tedus la legantojn; ni kontentiĝas per la redono de lia sekvanta konkludo: „Do la mondlingvo, kiel ĝi devus esti, estus precipe izolanta idiomo, kiu jam ne havas regulojn pri vortfarado, sed nur sintakson, t. e. nur ankoraŭ kelkajn regulojn pri la lokigo de la vortoj, per si mem ne ŝanĝeblaj en la frazo. Ĉiuokaze sin montros, ke mondlingvo, kiu efektive devas respondi ĉiujn rajtigitajn postulojn, devus aspekti esence alie, ol la Esperanto-revuloj ĝin imagas." — Kiu konsiderus serioza la artikolon de S-ro Thöne, povus veni al la opino, ke liaj proponoj pri sole taŭga mondlingvo estas vere geniaj. Laŭ tio nia Majstro Zamenhof ŝajnas esti mallertulo, ke li por sia lingvo ne trovis tiel simplan formon kiel ĝin montras S-ro Thöne. La tuta laboro de la Majstro kaj la fortaj, dudek-kvin-jaraj klopodoj por Esperanto estas vanaj, kaj ree ni devas komenci lerni kaj disvastigi la novan lingvon, kiun S-ro Thöne espereble baldaŭ — por ne perdi tro multe da tempo kaj forto — ellaboros. Ni konsilas al li, tuj post la finkonstruado de sia lingvo antaŭmeti ĝin al la asocio por fondo de mondlingva oficejo en Bern. Ĉar la lingvo „Ideal" de S-ro Thöne sendube estos la *non plus ultra* de la helplingvoj internaciaj, la asocio certe ĝin akceptos kiel efektive plej bonan solvon de la grava demando, kaj ĝi nur bezonos proponi al la fondota oficejo tiun ĉi unu sistemon. Per tio ĝi ŝparos multe da laboro kaj evitos longajn diskutojn. *Probatum est!*

Por la legantoj, kiuj ne konsentas pri la propono ĵus priparolita, sed ankoraŭ ĝojas pri la disvastiĝo de Esperanto, ni nun citos kelkajn propagandajn artikolojn el germanaj gazetoj.

*Neckar-Zeitung*, Heilbronn (14. III.): Die Weltsprache Esperanto (La mondlingvo Esp.). La nenomita verkinto montras la necesecon de internacia helplingvo kaj donas mallongan priskribon de la gramatiko de Esp. Bedaŭrinde la intermetitaj esperantaj vortoj vidigas diversajn preserarojn, kiuj malbone influas la tekston.

*Volksfreund*, Karlsruhe (1. III.): S-ro Ernst Schimek priparolas en interesa artikoleto „Eine Kulturbewegung" (Kulturmovado) la malfacilaĵojn, kiujn nia lingvo jam parte forigis kiel internacia komprenilo, kaj kiujn ĝi en ankoraŭ pli alta grado forigos, se ĝi iam estos oficiale enkondukita. Li turnas sin per siaj linioj precipe al la laboristoj, por havigi al ili la ĝustan ideon pri internacia helplingvo.

*Ludwigsburger Zeitung*, Ludwigsburg (11. III.): „Esperanto", mallonga propaganda artikolo, celanta varbi interesulojn por nia lingvo. Publikigita ĝi estas de la Esperantogrupo en Esslingen.

*Straubinger Tageblatt*, Straubing (9. III.), enhavas noton de la tiea grupo, kiu okupiĝas pri paragrafo el artikolo de S-ro Dro Kliemke, publikigita en „*Der Vortrupp*". (Komparu G. E. 2 A, p. 24.) La grupo mencias kelkajn okazintaĵojn el la Esperantomovado, kiuj pravigas la dirojn de Dro Kliemke.

*Wernigeröder Zeitung und Intelligenzblatt*, Wernigerode (29. II.): Samideano W. Neurath montras la plej novajn progresojn de U. E. A. kaj rakontas pri okazintaĵoj, ĉe kiuj nia universala asocio jam faris valorajn servojn.

*Wochenschrift für Aquarien- und Terrarienkunde*, Braunschweig (No. 11, 12. III.), aperigis alvokon, Esperante kaj germane redaktitan, de S-ro Richard Bock, Rostock. La alvoko celas utiligi nian lingvon por la internacia interŝanĝo de ideoj kaj spertoj pri akvarioj kaj terarioj. Ĉiuj esperantosciantaj amikoj de tiuj ĉi fakoj estas petataj sendi sian adreson kaj tiujn de interesuloj al la alvokinto, Rostock i. M., Göbenstr. 15.

En la sama gazeto (No. 12, 19. III.) S-ro Bock publikigis artikolon, kiu atentigas la legantojn pri eblaj servoj de Esperanto por la internaciaj rilatoj de la amikoj de la du nomitaj fakoj. S-ro Bock ankaŭ priparolas siajn laborojn, kiuj celas atingi la internacian interŝanĝon de ideoj pri ambaŭ fakoj. Ni esperas kun li, ke liaj klopodoj estos rekompencataj de plej bona sukceso.

„Ĉu Esperanto estas sensencaĵo?" Al ĉi tiu demando *Straubinger Tageblatt*, Straubing (27. III.) dediĉas longan artikolon; ĝi estas detala raporto pri parolado, farita de S-ro prefekto Kraus en Straubing. Treege favore la gazeto priparolas la paroladon kaj fine konkludas, ke Esperanto certe ne estas sensencaĵo, sed grandioza ideo kaj afero, kiu meritas la atenton de ĉiu progresema homo. Per entuziasmaj vortoj la gazeto rekomendas la studon de nia lingvo.

*Saarbrücker Volkszeitung*, Saarbrücken (9. IV.) enhavas artikolon pri „Universala poŝtmarko", en kiu troviĝas paragrafo, interesa por ni esperantistoj. La artikolo pritraktas la klopodojn, kiuj jam estas faritaj por la enkonduko de internacia poŝtmarko, kiu treege faciligus la poŝtajn interrilatojn de ĉiuj landoj. Interalie ankaŭ estas priparolata la tiurilata propono de Patro Joh. Hagen, direktoro de la Vatikana Observatorio en Rom. La verkinto diras pri tiu ĉi praktika propono: „Por ebligi la internacian poŝtmarkon, oni ja bezonas, laŭ Hagen, ankaŭ universalan monsistemon, sed tute ne la efektivan cirkuladon de komune akceptita universala monero. Sufiĉas la teoria monunuo por nura kalkulado. Por tio Hagen proponis la spesmilan sistemon de la esperantistoj, kiu ĝis nun estas la sola ĝenerala monsistemo kaj jam multe estas uzata de la esperantistoj ĉe la vendado de libroj kaj gazetoj kaj ĉe iliaj monaj kaj komercaj interrilatoj." Certe estas rimarkinda fakto, ke nia monsistemo jam trovas tian atenton. Sendube la spesmila sistemo bonege taŭgas kiel teoria monunuo por la universala poŝtmarko, same kiel ĝi jam sufiĉe pruvis sian taŭgecon en ĉiuj aliaj rilatoj.

Pri aliaj interesaj artikoloj ni raportos en la venonta numero. *Argus.*

# Internationale Esperanto-Bewegung

Wie in der letzten Nummer schon kurz mitgeteilt wurde, hat die Esperantosache einen sehr eifrigen und warmen hohen Protektor, den Prinzen Andreas Em. Kopassis verloren, der einem elenden Meuchelmörder zum Opfer fiel. Der Prinz sowohl wie seine Gemahlin hatten von Anfang an der Esperantobewegung sehr wohlwollend gegenüber gestanden. Sie erlernten nicht allein beide die Sprache, sondern übernahmen auch das Protektorat über die dortige Vereinigung. Auf ihre Veranlassung wurde die dortige Esperantozeitung in der Staatsdruckerei hergestellt. Der Prinz war es auch, der es durchsetzte, dass Esperanto in allen Schulen von Samos offiziell eingeführt wurde, und so ist die Insel Samos das erste europäische Staatswesen mit offiziellem Esperanto-Unterricht. Mit den Samideanoj von Samos, die am schwersten von dem Verluste getroffen werden, trauert die ganze Esperantistenschaft.

*Germana Esperantisto* esprimas al ŝia princina moŝto kaj al la princa familio, same al la Samos'aj esperantistoj plenkoran kondolencon!

Das *Oficiala Bulteno* der T E K A fordert schon jetzt die esperantosprechenden Aerzte auf, ihre Teilnahme am internationalen Aerzte-Kongress, der im Jahre 1913 in London tagen soll, dem Sekretär mitzuteilen und zugleich auch ihrem Wunsche Ausdruck zu geben, dass wieder, wie vor 5 Jahren in Budapest, eine besondere Abteilung für Esperanto gebildet werden möge. Zugleich wird berichtet, dass schon eine Reihe von Aerzten nicht allein ihre Teilnahme, sondern auch Vorträge, die sie in Esperanto halten wollen, angemeldet haben. Hoffentlich wird es gelingen, bis dahin eine Anzahl neuer Mitglieder zu gewinnen und auch die leidige Zeitungsfrage endlich geschickt und dauernd zu erledigen, damit wie früher ein geeignetes Propagandamittel den Werbenden zur Verfügung steht.

Mit grosser Freude werden alle Esperantisten es begrüssen, dass die *Scienca Revuo* unter dem Titel „*Scienca Gazeto*" neu erstanden ist und jetzt im Verlage von Hachette & Co. in Paris erscheint. Die Redaktion hat S-ro Verax übernommen. Die weltbekannte Esperanto-Firma und der Name des Redakteurs bürgen dafür, dass diese so geschätzte und vielgelesene Zeitschrift in guten Händen ist und ihre Zukunft auch von Dauer sein wird. Wir freuen uns, dass sich unsere Notiz in der vorigen Nummer so rasch bestätigt hat; die Freude des „*Idano*" ist in der Tat nicht von langer Dauer gewesen. Ob er nun wohl auch über das Wiedererscheinen berichten und seine Bemerkung von der Nichtwissenschaftlichkeit der Esperantisten korrigieren wird? Vielleicht! Denn auch *Scienca Gazeto* ist ein Esperanto-Blatt und in Ermangelung eines geeigneten Idozugmittels wird ja neuerdings wieder tapfer Esperanto herangezogen, um Vorspanndienste zu leisten.

Dass Esperanto doch nicht so ganz unwissenschaftlich zu sein scheint, wenn man nicht absolut nur durch die Idobrille zu sehen gezwungen ist, dafür zeugt neuerdings wieder das Vorgehen des *Inspecteur de l'Académie de l'Oise*, der alle Lehrer seines Bezirks öffentlich auffordert, Esperanto zu lernen, damit sie es später ihren Schülern wieder lehren können.

## Europa.

**Oesterreich-Ungarn.** In Franzensbad wusste man vor $1^1/_2$ Jahren kaum noch etwas von Esperanto, als der k. k. Eisenbahnsekretär S-ro Hecht nach dort versetzt wurde. Dieser widmete seine freie Zeit ganz der Verbreitung des Esperanto. Mit grosser Geschicklichkeit verstand er es, alle, selbst frühere Gegner, für die Sprache zu interessieren und jede Gelegenheit auszunützen. So konnte er im Januar 1911 eine Gruppe mit 65 Mitgliedern, d. i. 3,5 % der ganzen Bevölkerung, gründen. Mit diesem örtlichen Erfolge nicht zufrieden, verlegte er seine Tätigkeit auch nach Eger. Er hielt dort in der Volksbibliothek einen Vortrag, und obgleich in jener Zeit dort gerade auch anderweitig viele Vorträge von bedeutenden Männern gehalten wurden, war der Propaganda-Abend so besucht, dass kein Platz mehr im Saale zu bekommen war. Alle bis dahin der Sprache entgegengebrachten Zweifel wurden gehoben, und am Schluss des Vortrages meldeten sich 80 Personen zum Kursus, bei dessen Beginn sich die Zahl auf 123 vermehrte. Hier zeigt es sich einmal wieder, was ein tätiger und geschickter Propagandist zu leisten vermag! Solche Vorkämpfer sind der Sprachverbreitung nützlicher als Erörterungen lingvistischer Spitzfindigkeiten, an denen sich ja auch in Esperantokreisen einige mit Vorliebe ergötzen. — In Reichenberg (Böhmen) existiert seit 1909 die *Grafista internacia unuiĝo*, die von Ferd. Kaulfers als die erste Oesterreichische Arbeiter-Esperantogruppe gegründet wurde. Sie hat sich die Aufgabe gestellt, Esperanto besonders in den Arbeiterkreisen des graphischen Gewerbes zu verbreiten. — In der Landwirtschaftlichen Mittelschule in Kaaden begann im Februar ein Kursus, an dem sich 54 Schüler und viele Angestellte beteiligten. Die Teplitzer Gruppe veranstaltete im Hotel „Bellevue" in Eichwald einen Propagandavortrag, den Dr. Freisinger hielt. Der Vortrag war vom Bürgermeister, von vielen Fabrikanten und Ingenieuren, sowie auch sonst von den besseren Kreisen stark besucht. An den Vortrag schloss sich gleich ein Kursus, und im März wurde ein zweiter eröffnet. — Auch in Weiskirchlitz und Zuckmantel, sowie in Teplitz und seinem Vorort Schönau erzielte die Teplitzer Gruppe schöne Erfolge. — In Warnsdorf arrangierte die Gruppe eine Dauerausstellung von Postkarten. Die dort erscheinende *Oesterreichische Volkszeitung* bringt bereitwillig Artikel in und über Esperanto. Stille Arbeit der Gruppe überwindet dort alle Hindernisse. — In Triest hatte die Gruppe im Februar ihre Jahresversammlung, auf welcher über die höchst erfreuliche Tätigkeit im verflossenen Jahre berichtet wurde. In 10 Kursen wurden ungefähr 600 Personen unterrichtet, die sämtlich am Schlusse der Kurse die Sprache zur Genüge verstanden und auch sprachen. — In Capodistria schloss S-ro Cossaro den ersten Kursus mit einer Ansprache. Unter den vielen Gästen, die zugegen waren, befand sich auch der Bürgermeister, der im Namen seiner Mitbürger versprach, der Esperantobewegung nach Möglichkeit zu helfen. — Nachdem die beiden grossen ungarischen Esperanto-Vereinigungen *Hungara Esperantista Societo* und *La Verda Standardo* sich zur

